# INTERNACIA FERVOJISTO




ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

29a jaro MARTO-APRILO 1977 N-ro 2



*LKK de la 29a IFEF-kongreso.*

*De la maldekstra flanko: Frank CURTIS, Peter HARVEY, Horace BARKS, David WILD, s-ino Hilda JONES, Horace CLAYTON, f-ino Margaret MORETON, John CLARK.*

## NOVA RUBRIKO EN IF.

*Por plifaciligi la rilatojn inter la estraro kaj la membraro, ni decidis krei novan rubrikon "La Leterkesto de la Legantoj".*

*Ni scias ke malofte skribas la legantoj, sed eble tiu tribuno kuraĝigos ilin sin esprimi pri diversaj aferoj aŭ temoj kiuj povas koncerni ĉiujn.*

*Kompreneble, tutajn leterojn ni ne povos tie aperigi, ĉar vi ja bone scias kiom multekosta estas nia papero, sed, ni provos elĉerpi la partojn de tiuj leteroj kiuj, laŭ ni, povas alporti ion interesan.*

*Tiel, ni celas krei kvazaŭ ligilon inter la IFEF-anoj kaj ni, kaj eble alporti novajn perspektivojn ne nur al la Redakcio sed ankaŭ al la movado.*

*Do, vi ne tro meditu por vi-mem; esprimu viajn pensojn, ne lasu la leterkeston malplena . . .*

*Karaj legantoj, pensu pri VIA rubriko kaj skribu al la Redaktoro . . . Antaŭan dankon.*

*Red.*



INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO - FEDERACIO

Sekretariejo: E. Kruse, Wienerstr. 121, D-6000 Frankfurt/Main 70 - GERMANIO
Redaktoro: Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, 78420 Carrières/Seine, FRANCIO
Bankkonto: Provinsbanken, konto n-ro 7353-350550 - DK 9800 - Hjørring - DANIO

# MEDITADO PRI HONORIGOJ DE IFEF-ANOJ

Honori meritplenajn membrojn de iu ajn societo estas kutimo jam de pratempo, sendepende de la formo kaj speco de la koncerna societo. Konsekvence en IFEF ekzistas simila afero. Ni konas la membrokategorion de "honoraj membroj", nomumitaj de la komitato pro siaj meritoj por la Federacio (IFEF-statuto § 7c). Kiamaniere IFEF-ano povas esti proponata honora membro, tion oni trovas en la ĝenerala regularo al tiu § 7.

Tamen ne troveblas en la statuto la eksteraj akcesoraĵoj, kiuj apartenas al tiu honorigo, sed kiuj tamen de longa tempo estas praktikitaj: Ĉiu honora membro ricevas atestan dokumenton kaj, por eksteren konigi la honorigon, la koncerna persono krome ricevas la Oran Insignon de IFEF. Sekve estas klare, ke tian oran insignon rajtas porti nur la honoraj membroj de IFEF.

Same evidente estas, ke tia honorigo estas donata nur al homoj, kiuj per sia agado, egale ĉu sur landa aŭ internacia nivelo, konsiderinde kontribuis al la prospero de nia fervojista federacio IFEF. Sekve temas pri tute interna afero de IFEF.

Kiel konate, jam de jaroj multaj landaj asocioj de IFEF laboras kiel kulturaj grupoj kune kun aliaj tiaj grupoj (ekz. filatelistoj, fotografemuloj) en la kadro de siaj landaj FISAIC-sekcioj. FISAIC estas mallongigo de franclingva nomo, kiu signifas Internacia Federacio de kulturflegantaj Fervojistoj. En tiu federacio estas kutimo, aranĝi konkursojn laŭ difinitaj reguloj, por kies gajnantoj oni donas medalojn laŭ tri ŝtupoj, nome orajn, arĝentajn kaj bronzajn (ne el pura metalo). Ofte dum unu konkurso oni tie donas ses, naŭ, eĉ pli da tiaj medaloj depende de la konkursreguloj.

Ĉar IFEF ne aranĝas tiaspecajn konkursojn, ĝi interkonsentis kun FISAIC, ke sub certaj kondiĉoj, kiuj estas fiksitaj en la IFEF-statuto, ĝenerala regularo al § 3, IFEF-membroj povas (sen konkurso) esti distingataj per FISAIC-medaloj. Pro tio, ke temas pri dekoracioj pro meritoj, FISAIC limigis la disponeblan kvanton por IFEF je 3 ekzempleroj (po unu ora, arĝenta, bronza) por trijara periodo. La momenta periodo daŭras de 1975 ĝis 1977. Dum ĝi jam estas fordonitaj la ora kaj la bronza medaloj. Ne tiel interesas tie ĉi la burokrata vojo necesa por akiri de FISAIC la medalon. Sufiĉu scii, ke la propono por tio ekskluzive venas de IFEF, per kio estas certigita, ke nur tiaj IFEF-anoj ricevas ĝin, kiuj el la vidpunkto de IFEF ĝin meritas, ĉefe por internacia agado. Grava diferenco inter la honorigo per FISAIC-medalo kaj IFEF-honora membreco estas, ke la medalojn nur povas ricevi IFEF-membroj el landoj, kie ekzistas FISAIC-sekcio, dum la honora membreco principe povas esti donata al ĉiu IFEF-membro. El la fakto, ke averaĝe po jaro nur povas esti donata unu medalo, oni ekkonas, kiun altan simbolan kaj moralan valoron havas tiaj medaloj. Ili estas la plej altaj distingaĵoj, kiujn povas akiri fervojistoj (el ĉiuj kulturaj grupoj) pro respektiva agado, dum la honora membreco de IFEF estas la plej alta distingo interne de IFEF.

J. Giessner
Prezidanto de IFEF

# JARRAPORTO DE LA SEKRETARIEJO PRI 1977

Studante tiun raporton, bonvolu kompletigi per respektivaj publikaĵoj el "Internacia Fervojisto". Laŭeble ni donos necesajn indikojn.

## Niaj mortintoj

Ni perdis membrojn en jenaj landoj:
Ĉeĥoslovakio: Květoslav Kvítek, Miloslav Hlavatý.
Francio: Jean Chapelier.
Germanio: Willi Rothmann, Alfred Dawid, Jakob Schneider, Adolf Stümpfig, Felix Müller, Johanna Gisshübl.
Italio: Guiseppe D'Amico, P.J. Giovanni D'Amico.
Nederlando: Benjamin Goedejohan kaj la edzino de Willem Biesheuvel.

## Membrostato (IF 1/77)

La magia cifero 3000 denove malproksimiĝis. La du landoj, Bulgario kaj Germanio ĉefe kaŭzis tiun bedaŭrindan fakton, krome la eksigo de la pola asocio. Dum en Bulgario la vera membronombro supozeble ne malkreskis – tie temas pri devizaj malfacilaĵoj – en Germanio okazis vera malkresko. Oni nur povas esperi, ke tiu ĉi perdo ne daŭros, kvankam la ĝenerala tendenco ĉe ĉiuj fervojoj inklinas al malgrandigo de la nombro da fervojistoj, ne favora por kultura movado kiel la nia.
Ĉar entute la mezgrada aĝo de niaj membroj estas sufiĉe alta, niaj klopodoj nepre direktu sin al informado kaj varbado ĉe pli junaj fervojistoj.
(Rimarkigo: En la tabelo sur paĝo 12 en IF 1/77 enstelîĝis eraroj. La ciferoj por Finnlando dufoje estas 22. Krome en 1975 mankas Polio kun 25 membroj. Hispanio intertempe pagis ankaŭ 30 kotizojn, sekve havas 230 membrojn. La tuta sumo devas esti 2.874).

## Honorigoj

Neniuj ŝanĝoj en la Honora Patrona Komitato.
La kongreso en Skelleftea estis taŭga fono por distingi kelkajn meritplenajn membrojn de la federacio. Estis nomumitaj **honoraj membroj** la kolegoj

N.C. Thorsted (DK)
Mag. N.G. Narvala (SF)
D-ro Istvan Bácskai (H)

Krome ricevis la bronzan medalon de FISAIC kolego

Harry Bengtsson (S)

pro sia longjara laboro sur tereno de terminoj kaj pro prilaborado de la nova sveda terminaro.

## Interna korespondado

En 1976 alvenis en la sekretariejo 414 kaj estas forsenditaj 460 korespondaĵoj. Pro kelkfoja neĉeesto resp. malsaniĝo de la sekretariino la kroma korespondado flanke de la ceteraj estraranoj, precipe de la prezidanto, fariĝis tre ampleksa. Kiel ĉiam, aldoniĝas centoj da revuoj legendaj de la estraranoj.

## Ekstera agado

La estraro laŭstatute kunvenis dufoje, nome en marto en Basel (CH), en novembro en Köln (D). Kiel kutime estas traktitaj ampleksaj tagordoj kun la celo, decidi la plej konvenan por la federacio.
Krome estraranoj vizitis diversajn landajn asociojn resp. ties kunvenojn, i.a. la prezidanto estis en London kaj Swanwick (GB), Přerov, (CS) kaj Paderborn (D), la vicprezidanto en Niy (belga kaj nederlanda jarkunvenoj), Paderborn (D) kaj Stoke-on-Trent (GB), la sekretariino en Pecs (H), Le Mans (F) kaj Paderborn (D), la kasisto en Skelleftea (S) por kongrespreparoj, la redaktoro en Le Mans. La prezidanto transdonis en Přerov la UIC-leksikonojn II kaj III al la ĉeĥa asocio, la sekretariino en Pecs same la volumon III kaj PIV, krome la honorinsignon de IFEF al d-ro Bacskai.

## Laborplano

Sub sama pozicio ni menciis lastjare kelkajn faritajn aŭ farendajn aferojn, el kiuj ni i.a. prezentu la evoluon:

- la komisiono pri varbado/informado, fondita en Villach provizore por 2 jaroj, en Skelleftea dufoje kunvenis, i.a. sub gvidado de kol. Hartig (D) por kolekti ideojn (en tiu formo novaĵo en IFEF) kaj sub gvidado de kol. Robiolle (F) por studi la trovitajn ideojn. Pri ili cirkulero estas rondsendita.
- en la Terminara Komisiono post denove nekontentige rezultaj kunsidoj en la kongreso evidente blovas freŝa vento. Troviĝis kelkaj landaj kunlaborantoj novaj. La interna flugfolio "TK-Kuriero", neregule eldonata de kol. Hartig (D), efike akcelas la komunan laboron en TK. Hungaraj kolegoj invitis al interkongresa kunveno en Budapest, alia okazis en Amsterdam. Tiu evoluo estas bonvena, ĉar nepre necesas aktivigi tiun bazon de nia faka ekzistorajto.
- la Historio-Komisiono sub gvidado de Giessner (D) ellaboris unuan demandilon kaj sendis ĝin al la landaj asocioj por havi bazon por plua agado.
- rilate fakprelegojn la komisiono ĉiam denove plendas, ke la prelegontaj landaj asocioj ne sufiĉe priatentas la limtempojn de la regularo.
- koncerne restarigon de rilatoj kun Polio ni faris novajn esplorojn, kiuj fine de la jaro promesis laŭŝajne iom da sukceso. Tamen estas tro frue, diri ion konkretan.
- rezolucio denove estis akceptata de la kongreso kaj distribuata en lingvoj Esperanto, sveda, franca kaj germana.

## Junularo

La Junulara Sekcio momente ekzistas sub provizora gvidanto Quietinski (A), post kiam f-ino Merlani (I) pro malsano ne plu povas gvidi la sekcion.
La 17-a Internacia Skisemajno (IFES) okazis en februaro 1976 en La Molina, Hispanaj Pireneoj, kun 45 partoprenantoj el 5 landoj. La IFEF-premion gajnis Günter Doliwa (D).

## 28-a Kongreso

Ĝi okazis de la 12-a ĝis 18-a de junio en Skelleftea (Svedio) kun 482 partoprenantoj el 19 landoj. Ree komplete mankis reprezentantoj el Polio kaj Rumanio. Protokolojn kaj raportojn vi trovas en IF 3 kaj 4.
Jen kelkaj rimarkigoj:

- Ĉarma naturo kaj mirakla restado pro la meznokta suno.
- Rimarkinde aktiva partopreno kaj helpo flanke de la komunumaj instancoj por kaj en la kongreso, urba akcepto kun regalo, duhora respondado de la urbestro en la interesa forumo.
- Reelekto de la estraro.
- Eksigo de la pola landa asocio.
- Tre instrua fakprelego pri la sveda-norvega Ercfervojo.
- Speciala karaktero de subĉielaj sunbriligitaj folklora kaj futbala vesperoj.
- Impresa diservo kun eminenta ĥoro.
- Altkvalita teatra vespero kun polaj geaktoroj.
- Neforgeseblaj ekskursoj, precipe tiu trans la arktan cirklon.
- Bonege funkcianta gazetara servo, kiu eldonis 4 kongresbultenojn.

## Informado

La membroj de la Honora Patrona Komitato ricevis la kutimajn "Koncizaj Informoj" pri nia laboro. La rezolucian tekston ni ĉi-foje rekte sendis al la fervojaj administracioj, el kiuj respondis la nederlanda kaj SNCF.

## Eksteraj rilatoj

### UEA

En la Universala Kongreso de Ateno okazis fervojista kunveno sub gvidado de la Ĉefkomitatano. Reprezentis nin en la UK d-ro Pherŝy (H), kiun la komitato en Skelleftea konfirmis UEA-komitatano A de IFEF por la venontaj 3 jaroj. Kiel kutime la estraro liveris la necesajn indikojn por la jarlibro kaj statistiko de UEA.

### FISAIC

Al la kongreso de Skelleftea FISAIC ne sendis apartan reprezentanton. Sed ĉeestis la gvidanto de la sveda FISAIC-sekcio, s-ro B. Johnson, kiu ankaŭ transdonis la medalon al kolg. Bengtsson.
Ni provis plisimpligi la komplikan sistemon de la medaltraktado. Sed nur etan plifaciligon ni povis atingi flanke de la burokrata aparato de FISAIC.

### Aspekto

Same kiel lastjare la ĝenerala situacio neniel estas rozkolora. Fervojoj kaj fervojistoj ĉiam sentas la barometron de la konjunkturo en la kvanto de farotaj transportoj. Ĉe la konkurenco de la kamiono kaj privata aŭtomobilo grave malpliigas tiun kvanton kaj postulas pli kaj pli da fortostreĉoj de la homo. Ne estas facile, tamen konservi emon, aktivi en la kultura sektoro, al kiu apartenas ankaŭ nia Esperanto-movado. Sed tia okupo kontribuas al la fakto, ke la vivo estas vivinda, certe necesega akcesoraĵo de nia ĉiutago.

Frankfurt/Main, la 21-an de februaro 1977 Elfriede Kruse, sekretariino.



# REDAKTORA RAPORTO

*Kiel en 1975, la jaro 1976 alportis al vi bultenon, redaktitan en Francio, korektitan, presitan kaj elsenditan en Nederlando. Vi ricevis entute 72 paĝojn anstataŭ 96 en 1975, ĉar nepre ni deziris resti en la kadro de la budĝeto. Iom speciala estis la bulteno 5/76 kiu estis tre maldika pro tio ke la aperigo de la aliaj antaŭaj bultenoj estis iom malfruigitaj – pro la kongreso en junio. Tamen kelkfoje mankas ankoraŭ interesaj artikoloj kaj se kelkaj landoj regule sendas informojn (tutspecialan dankon al Ĉeĥoslovakio), aliaj ĝis nun sendis eĉ ne unu linion . . . Ĉu vere nenio okazas ĉe ili aŭ ĉu ili ne kuraĝas skribi?*

*Alia malfacilaĵo estas la dissendado de la bulteno; kelkaj sekcioj plendas ke ili ne ricevas bone la pakaĵojn; ĉar la laboro estas farita en Nederlando, la responsulo de la tiea ekipo sin esprimas pri tio:*
*"Dum la jaro 1976, la ekspedon de I.F. prizorgis grupo de S.A.T.-anoj en Rotterdam. La grupo ricevis rekompenson pro la laboro sed tio kompreneble estis malpli kosta ol pagado al la presisto por tia laboro. Ĉar ni povis ekspedi parte la I.F. pakaĵojn per deĵorpoŝto, ni ŝparis afrankkostojn."*

*Krom tio, sugestoj apenaŭ venis al mi; nur vekis atenton la plej malgrava rubriko de la bulteno, tiel nomata "Gravaj enhavaĵoj". Tiu rubriko celas ŝpari vian tempon helpante vin trovi tuj tion, kion oni supozas plej multe interesi vin; tiucele, en ĉiu IF mi enmetas nur la titolojn de la plej – laŭ mi – legindaj aferoj.*

*Pardonu iom da statistiko: en 1976, la "Gravaj enhavaĵoj" konsistas el:*
*13 linioj pri la Kongresoj de IFEF kaj iliaj manifestacioj.*
*17 linioj pri la IFEF-informoj.*
*5 linioj pri Fervojaj Informoj*
*6 linioj pri Esperanto Informoj.*
*41 linioj en 6 bultenoj*

*Memkompreneble, iu rajtas konsideri la ĉi-suprajn informojn kaj iliajn titolojn kiel "sensignifaj", sed kion pli gravan enmeti en IF resp. "Gravaj enhavaĵoj"?*
*La problemo estas do – se entute temas pri "problemo" – ĉu malaperigi simple, aŭ ne, tiun rubrikon kaj vi trovos aliparte en la bulteno kongresproponon pri tio.*

*Mi ĝojas ĉar nia bulteno ricevas la honoron de kongrespropono, sed ĉu vere vi ne havas pli efikan kritikon rilate nia "Internacia Fervojisto"?*
*Se jes, ankaŭ mi tre ĝojus . . .*

*Tamen, mi volas ree substreki, ke la celo de la estraro estas kaj restos ĉiam prezenti al vi sufiĉe agrablan bultenon kaj samtempe ne elspezi tro da mono; dum la kongreso en Skelleftea, la komitato bone komprenis tion, ĉar multaj komitatanoj esprimis la deziron konservi la nunan paperon, kiun ili opinias esti konvena kaj tute ne "luksa".*

*Pardonu se mi uzis kelkajn liniojn de IF por pritrakti tiun laŭ mi ne plu tro gravan aferon; fine, mi ripetas ke ni ĉiam ĝojas akcepti seriozajn kaj objektivajn rimarkigojn, kritikojn kaj sugestojn, por VERE plibonigi nian bultenon.*

*La Redaktoro.*








## 29-a KONGRESO DE IFEF – 13-a - 20-a Majo 1977
## en The Hayes Conference Centre, SWANWICK, Derbyshire, BRITIO

Adreso de LKK: 25 Mars Street, Smallthorne, Stoke-on-Trent, Britio.

### ALIĜOJ

Ĝis nun 397 kongreskartoj senditaj, inkluzive de kvin por la KVARTETO ESPERANTO, sed nur la unuaj 350 povos loĝi en la kongresejo. Kvar loĝos en ruldomoj aŭ tendoj, ĉu sub ĉielo. Unu estas "Simpatianto", Dio Lin Benu! Kaj unu resendis sian k. karton. Ni jam trovis dek litojn en hotelo kiu ne estas tre malproksime, kaj ni nun serĉas aliajn hotelojn kaj privatajn hejmojn.
La kongresejo estas plenplenplena, kaj LKK ankoraŭ havas 150 ne pritrakt-itajn aliĝilojn. Ĝis ni estos certaj ke ni trovos litojn, ni ne akceptos. Ĉar la plej granda salono en The Hayes havas spacon nur por 350 seĝojn, ni petas tiuj kiuj ne komprenos la paroladojn, ili promenu en la bela bieno, naĝu en la naĝejo (ne forgesu la TUKON) aŭ ripozu en la librobutiko.




### VOJAĜO

Notu bone la **novajn** horojn de la ekveturo de la trajnoj de St. Pancras.
Ili estas:

| St. Pancras (ekveturo) | Alfreton (alveno) |
|---|---|
| 10.01 | 12.30 |
| 12.01 | 15.01 |
| 15.01 | 17.30 |
| 16.16 | 18.25 |
| 17.20 | 19.27 |
| 19.00 | 21.35 |
| 20.05 | 22.40 |

Estas trajnoj ankaŭ de St. Pancras al Derby, sed, ĉar Derby estas 20 km for de Swanwick, estos por LKK pli malfacile aranĝi, SED se proksimume 45 venus per sama trajno al Derby LKK povos aranĝi. Do, se estus grupo kiu maltrafus la 12.01 al Alfreton, anstataŭ atendi ĝis 15.01, ili trafu la 13.01 al Derby. Aŭ per la 14.01. Tiujn trajnojn ni atendos se ni estos antaŭe informataj ke kongresanoj en grupoj venas per ili.
Sed faru la eblon trafi trajnon al Alfreton kaj skribu al la LKK adreso KIUN TRAJNON VI POPONAS TRAFI.
ATENTU: estas trajno kiu foriras je 7.28 de HARWICH kaj iras zigzage, sed sen ŝanĝo, de Harwich (Parkeston Quay) al Alfreton. Estas multaj liberaj sidlokoj en tiu trajno.

### LINGVO-KAPABLECO

Ankaŭ se vi plibonigis vian lingvan kapablon depost vi metis krucon en la "iomete" aŭ "nenion" kvadratojn — aŭ se eble via natura modesteco kaŭzis vin meti krucon erare, bonvolu ankaŭ informi LKK-on por ke vi havu taŭgan insignon.

## DIVERSAĴOJ

La Ĉefo de la Bonfara Fako de la ĉefsidejo de British Rail venos al la Inaŭguro Sabaton matene por saluti la kongresanojn en Esperanto. Ha, kompreneble en Esperanto, ĉar en IFEF kongresoj en Britio, ĉiuj salutas en Esperanto. La Ĉefo de la L. Midland Regiono, s-ro Gardiner estos en alilando, do ne povos saluti, sed lia Pasaĝera Asistanto anstataŭos kaj salutos. Kaj la Komunumestro salutos – jes, kompreneble, en Esperanto. Do, anstataŭ 3 horojn, la inaŭguro daŭros unu kaj duonon. Kaj Skotaj Sakŝaŭmistoj atendos ekstere por muziki se iu tro longe parolus.

**Vegetaranoj** bonvolu informi LKK tuj post alveno. Ankaŭ tiuj kiuj pretas aktive partopreni en la **Manekena Parado,** mardon, informu LKK ĝis dimanĉo matene. Kaj – kaj ne forgesu kunporti tiun belan nacian aŭ regionan kostumon.

NE FORGESU KUNPORTI TUKON por sekigi vin, ĉar estos malfacile trovi ĝin en The Hayes. Kaj, laŭ onidiro, la akvo en la duŝoj, lavpelvoj, kaj eĉ en la anglaj naĝejoj estas treege malsekega. Eĉ en anglaj bankuvoj la akvo estas malseka, do kunportu tukon!

## POSTKONGRESO

La adreso de Horace Clayton estas: 234 Warminster Road, Sheffield, 8. Eble iu dezirus kontakti lin pri postkongreso. Se baldaŭ li ne ricevos petojn, li devos nuligi la aferon.

LKK.



## OKAZE DE LA IFEF-KONGRESO EN BRITIO

**Ni prezentu la Festiniog-an fervojon.** (Resumo)

La Festiniog-an fervojon oni leĝigis per statuto en majo 1832, kaj la fervojo malfermiĝis kvar jarojn poste. Ĝia celo estis transporti ardezon de Blaenau Ffestiniog (blajnaj festiniog) en Norda Kimrujo – kie minadon oni tiam multe disvolvis – malsupren laŭ la pitoreska valo Ffestiniog, al la haveno en Porthmadog (portmadog) por enŝipigo.

La ŝpuro de la trako estas 60 cm kaj la konstruformon oni desegnis por esti peza, tiel ke la teraĵoj jam bone staras dum pli ol cent jaroj kun minimuma malboniĝo. Tiel oni povas diri ke ĝi estas la unua en la mondo, mallarĝtraka, publika fervojo. Post kelkaj jaroj de funkciado, oni boris tunelon, 0,6 km, kiu donis trakon kun daŭra deklivo malsupren, de alteco 220 m, ĝis preskaŭ marnivelo, en distanco de 20 km, laŭ kiu la vagonaro veturis per gravito malsupren.

Nur la lastan 1,6 km, laŭ marmurego nomata The Cob (da kob) la trako estas preskaŭ ebena. Tie ĉi ĉevaloj tiris. Same ili retiris la vagonarojn malplenajn ree al la minejoj, kaj varojn, por la kreskanta loĝantaro ĉe la supra fino de la valo.

Trafiko kreskis tiom multe, ke, en 1863, oni estis devigata enkonduki lokomotivojn, por la unua fojo laŭ tiel longa distanco sur tiel mallarĝa trako. Post du jaroj, pasaĝertrajnoj ekkomencis: la unuan fojon ke oni permesis pagadon de veturprezo sur

linio kies ŝpuro estis malpli larĝa ol la normo.
Post periodo de granda prospero kiu daŭris ĝis la fruaj jaroj de la dudeka jarcento, la prospero de la linio Ffestiniog komencis forfali, sekvanta tiurilate la ardezindustrion. Tiu ŝanĝo plirapidiĝis post la komenco de la Unua Mond-milito, kiu ĉesigis la eksportadon, kaj ankaŭ pro la kreskado de motor-transportado per la ŝoseoj. Aŭtobusoj konkuris kaj ĉesigis la tutjaran pasaĝer-trafikon en 1929. Sen ia ajn mono por rekonstruado la tuta trafiko ĉesis kiam la minejoj fermiĝis por la somera libertempo en aŭgusto, krom en unu mallonga parto de la trako ĉe Blaenau Ffestiniog, inter du minejoj kaj la transiga flank-trako por la normal-ŝpura fervojo. Tiun ĉi parton la du firmaoj funkciigis kaj la trafiko daŭris ĝis 1962.

Tamen estis kelkaj homoj kiuj sentis ke la fervojo estas tro grava historie por forpasi en forgesiĝon kaj ili memoris ke la antaŭmilita sperto montris ke ĝi havas sufiĉan eventualan uzeblecon en turismo. Post esploro, farita de komitato el tiuj interesatoj, kiuj formis la embrian Festiniog Fervojan Societon, kaj post trijaraj, ŝajne senfinaj kaj vanaj intertraktoj, s-ro Alan Pegler, gajnis per financa subteno la gvidpovon de la kompanio, kaj la Festiniog fine transiĝis al nova regado en 1954.
La unuaj 2 km da trako de Porthmadog haveno estis remalfermataj al trafiko en julio 1955, kaj ĉiu jaro poste plua parto fariĝis uzebla ĝis en 1958 oni atingis Tan-y-Bwlch (tan i bulĥ), 12 km de la haveno.
En 1965, remetado de la trako serioze komencis preter Tan-y-Bwlch kaj, malgraŭ neatenditaj malfacilaĵoj, tiu ĉi laboro kompletiĝis laŭplane, permesante reuzadon ĝis Dduallt (diaĥlt) por la sezono 1968. Tiu ĉi plilongigo kaŭzis tre grandan plimultigon de trafiko tra la tuta linio. Pro tio, kune kun kompensa pago pro malordigo de la antaŭa vojlinio, kaj spite al inflacio, okazis granda plirapidigo de la laboro inter Dduallt kaj la antaŭa (kaj estonta) finstacio de la linio; tial oni esperas remalfermi la tutan linion ĝis Blaeau Ffestiniog en 1978.
La progreso ĝisnuna en la restarigo de la Festiniog Fervojo estas leciono pri obstino kaj sindonemo de multaj homoj. Tamen multo restas farenda.



## RAPORTO PRI LA IFEF SKISEMAJNO 1977

Kio okazis en "LES GETS" – Francio, de la 22a ĝis la 29a de januaro? Por la 18a fojo, oni aranĝis Skisemajnon, sed, ĉar mi ne partoprenis antaŭe, mi ne povas kompari, nur diri, ke en la estonteco, mi absolute volas partopreni.
Unue la kritiko: La vetero ne estis tro bona, kelktagoj kun pluvo. Tamen estis sufiĉe da neĝo, kaj tiun kritikon oni ne rajtas direkti al la aranĝinto.
Pli grava kritiko estas ke oni antaŭe ne sufiĉe propagandis, ĉar la aranĝo vere meritas ke pluraj personoj estos alvokitaj.
Entute partoprenis 54 el 6 landoj kaj etoso estis vere agrabla kaj gaja.
Okazis diversspecaj konkursoj, sportaj kaj lingvaj.
La skikonkurso okazis en iom nuba vetero; la karnavala vespero estis gaja; preskaŭ ĉiuj sin vestis en belaj aŭ strangaj kostumoj.
Inter la distraj vesperoj mi ankaŭ volas mencii ke la afabla mastroparo regalis nin per loka specialaĵo. Entute la manĝaĵo estis abunda kaj bongusta.
Do, fine, mi rekomendas al la legantoj: "Partoprenu la ski-semajnon" – venontjare en Grainau, apud Garmisch (Germanio) de la 11/2 ĝis la 19/2.

A. Birkbak (Kopenhago).

## LA ESPERANTO-MOVADO

### FRANCIO

**33-a Internacia Junulara Kongreso en Poitiers (Francio)**

La 32-a IJK de TEJO ĵus okazinta en Tesaloniko estis unu el la plej sukcesaj en la longa vico de IJKoj. Do vi nepre devos retrovi la unikan etoson de tiaj aranĝoj okaze de la venonta IJK!
Ĉi-foje ĝi okazos en Francio, kaj ne en Islando kiel la Universala Kongreso; datoj: 9-a ĝis 16-a de aŭgusto 1977, do tuj post la UK. Kiel kongresejo estis elektita la universitato de Poitiers.

**Kiel aliĝi?**
Vi povas ricevi aliĝilon petante ĝin al JEFO, 4 bis rue de la Cerisaie, 75004 Paris (Francio). Por aliĝi sendu aliĝilon kaj kotizon al JEFO, pĉk. 3170994 Y LA SOURCE, aŭ al UEA, Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam-3002, Ned.

### SVISIO

SVISLANDO atendas vin!
18-a Eŭropa Ferio-Semajno (EFS) 1977 en WENGEN – 1275 m (Jungfrau-regiono) – 4. - 10. septembro.

Gvidataj ekskursoj en la plej impona svisa montarregiono. Antaŭtagmezaj Esperanto-lecionoj diversgradaj. Vesperaj, amuzaj aranĝoj. Petu la detalan programon ĉe Ernst Glättli, SAEF-sekretario, Laurstrasse 17, CH-5200 BRUGG (Svislando).



# EL NIAJ LANDAJ SEKCIOJ

## ĈEĤOSLOVAKIO

Jam 8-an Esperantan balon en Česká Třebová (Ĉeĥoslovakio) inaŭguris oferema Esperantisto Jiří Pištora, fondinto de E-grupo en Česká Třebová kaj kunfondinto de E-baloj en Česká Třebová. La balon partoprenis 350 gepartoprenantoj, inter ili ankaŭ geesperantistoj el Aŭstrio, GDR kaj GFR. Ambaŭ salonoj estis plenplenaj kaj ankoraŭ 220 geinteresuloj ne ricevis sidlokojn. Danci kaj amuzi ankaŭ alvenis Esperantistoj el diversaj lokoj de Ĉeĥoslovakio kaj amuzi ankaŭ alvenis multnombre civitanoj de Česká Třebova, kiuj subtenas viglan agadon de loka Esperantistaro.
Novaĵo, unuafoje uzita en la historio de ĉiuj baloj en Česká Třebová estis limigita fumado en ambaŭ salonoj, kie la balo okazis. Pri sukcesa balo informis 2 tutŝtataj kaj unu regiona gazetoj. Informon elsendis eĉ regiona radioelsendo.

Cilka Kotyzová.

## JAPANIO

**La japanaj kolegoj informas**

- ke ili decidis dum sia jarkunveno, kiu okazis en decembro en Tokio, regule eldoni propran organon.
- ke ili antaŭvidas partoprenon de 2 kolegoj en la 30a IFEF-Kongreso en Romo en 1978.
- ke hungara kolego vizitis ilin en 1976 kaj estis varme akceptata en diversaj lokoj.

## RUMANIO

**Novaĵoj el Rumanio**

El raporto ricevita de kol. J. Sirbu, Brasov, ni ĉerpas kelkajn interesaĵojn: Li nomas 1976 la jaron de modestaj realigoj. La 29an de marto oni fondis Esperanto-klubon, en kies kadro ankaŭ laboras la tieaj fervojistoj. En julio post fino de kurso la klubo prezentis spektaklon "Unua renkontiĝo", en kiu ĵus finiĝintaj kursanoj transprenis la rolojn.
Kol. Sirbu ankaŭ sendis laborplanon, kiu antaŭvidas regulajn kunvenojn, komencantan kaj perfektigan kursojn, publikajn prelegojn, ekskursojn kaj renkontiĝojn kun bulgaraj esperantistoj kaj tradukon de literaturo.
Entute la raporto elradias iom da espero, eĉ ke eble rumanaj kolegoj iam povos realigi partoprenon en IFEF-kongreso.

## ITALIO

**Aktivaĵoj de fervojistoj-esperantistoj en Italio**

Niaj italaj gekolegoj tre aktivis, laste, inter la du jaroj 1976-a kaj 1977-a.
En IF 1/77, paĝo 14, ni jam raportis pri la filatelaj fervojistaj elmontroj en FIRENZE kaj BOLOGNA.
Dum la fino de decembro oni organizis Informan ekspozicion pri Esperanto en Venezio. Ĝi vekis grandan intereson inter la fervojaj vojaĝantoj.
Komence de januaro 1977-a en Reggio Calabria, urbo laste alproksimiĝinta al Esperanto, dank' al fervojistoj, okazis sukcesplena tritaga Esperanto-renkontiĝo, kaj fine en ROMO ĉe "INSTITUTO SPERIMENTALE" de F.S. (grava instituto kiu zorgas pri la pruvoj kaj kontroloj de ĉiuj materialoj uzataj de Itala Ŝtata Fervojo), komenciĝis Esperanto-kurso, (la unua en la ejoj de la Administracio de F.S.), rajtigita

de la estro de la Instituto. La bone vizitatan kurson gvidas nia kolego d-ro A. Menabene, kaj preparos al venonta I.F.E.F.-Kongreso en Romo. Samtempe kaj por la sama celo, okazas alia kurso organizita de "DOPO-LAVORO FERROVIARIO" de Romo.

## AŬSTRIO

**Linz-a Esperanto Skisemajno 1977**
La ĉefsekcio Linz de la Aŭstria Federacio Esperantista Fervojista sub gvido de s-ano Joh. Geroldinger organizis denove la "LES" dum pasinta februaro en Werfenweng apud Bischofshofen. Pli ol kvardek personoj el Germanio kaj Aŭstrio (sen varbado) partoprenis la riĉenhavan aranĝon. Multajn belajn pokalojn kaj librojn ricevis la konkurintoj.
La venonta LES (lastfoje) okazos de 18a ĝis 25a de februaro 1978!

Joh. Geroldinger.

# FERVOJAJ NOVAĴOJ

## EL LA MONDO

**Beneluks-landoj.** Somero-tempo en 1977.
Belgio, Luksemburgo kaj Nederlando enkondukos en ĉi tiu jaro la someran tempon. Per tio ili sekvos ekzemplon de Francio, Italio kaj Hispanio. La komuto de la horloĝoj okazos la 3-an de aprilo 1977. Bedaŭrinde la ŝanĝo ne koincidas kun la horarŝanĝo de la eŭropaj fervojoj, tiel ke denove necesas komplikaj antaŭplanigoj por la internacia trafiko. En aŭtuno, nome la 25-an de septembro, la horloĝoj returniĝos je mezeŭropa tempo. Ĉi tiu reĝustigo harmonios kun la horarŝanĝo de la fervojoj.

**Bulgario.** Dutraka konstruo. La plej multo de la elektrizigitaj linioj de la

daŭrigo sur paĝo 30.



*Feliĉaj gajnintoj de la premioj dum la LES 1977.*

bulgara ŝtatfervojo konstruiĝos du-trakaj ĝis 1980. Necesas tia konstruo pro la multobligo de tun-kilometroj je 40% kompare al 1975.
La transporto per vaportrajnoj verŝajne en 1977 komplete malaperos.

**Luksemburgo.** La luksemburgaj fervojoj (CFL) havigis al si enkadre de la modernigo de iliaj trafikiloj 100 boĝi-platvagonoj kun granda ŝarĝkapablo (25 m). Tiuj, ĉefe por la transporto de uzinaj produktaĵoj de granda longeco destinitaj vagonoj jam trafikis en la unua duono de 1976.
130 milionoj de luksemburgaj frankoj estas investitaj komune kun la francaj ŝtatfervojoj (SNCF). Sendepende de tiu ŝarĝmaniero la vagonoj povos trafiki 100 km/h, senŝarĝitaj eĉ 120 km/h.

Trad. el "Blickpunkt"
E.K.

**Kanado.** La angle parolantaj pilotoj, kiuj servas en la kanada aerflugkompanio, post naŭtaga striko denove eklaboris la 28an de junio. La pilotoj kaj la angle parolanta FS-kontrolpersonaro zorge traktas la uzon de la franca lingvo en la FS-kontrolado en pluraj flughavenoj de la provinco Quebec, ĉar ili timas, ke tio povus malutili al la flugcerteco en la kanada aerzono.
La registaro promesis, zorge esplori ĉi tiun problemon. Ĝis tiam la franca lingvo nur estas aplikebla en 5 flughavenoj de la provinco Quebec.
La france parolantaj FS-kontroloficistoj furioziĝis pro tiu decido kaj faris 48-horan protest-strikon.

Trad. el ITF-informoj
E.K.

# ANONCETOJ

## ITALIO

RADIO ROMA-ESPERANTO
C.P. 320
I-00100 ROMA (Italia)
Respondecas: d-ro Renato CORSETTI.
Redaktas la tekstojn, legas, prizorgas la korespondadon: d-ro Antoni DE SALVO.
Kunlaboras: Alberto MILANA.
Oni adresu al "RADIO ROMA - ESPERANTO, C.P. 320, I-00100 ROMA, Italio, sen indiko en la adreso de la nomo(j) de la prizorganto(j) de la elsendo.
Oni bv. noti, ke Radio Roma kaj Radio Vatikana estas tute diversaj aferoj: ili apartenas al du diversaj kaj suverenaj ŝtatoj (Italujo kaj Vatikano)! Nuntempe, tiuj du stacioj elsendas preskaŭ samtempe en Esperanto, kaj sur tre proksimaj ondoj (Vatikana Radio, tamen, posedas preskaŭ 7-oblan potencon kompare kun Radio Roma). Oni ĝuste adresu korespondaĵojn al la respektivaj stacioj, por eviti malagrablajn situaciojn (ni jam ricevis plurajn raportojn pri la aŭskultado de Vatikana Radio!).

## ĈEĤOSLOVAKIO

**Gesamideanoj atentu — eksterordinara propono!**
Esperanto loka grupo en Česká Třebová (Ĉeĥoslovakio) sendos al ĉiu interesanto belan, riĉenhavan, ilustritan, 24 paĝan broŝuron pri urbo Česká Třebová kaj ĝia ĉirkaŭaĵo. Broŝuron ĉiu interesulo ricevos senpage, sendu 2 respondkuponojn aŭ egalvaloron (ekz. validajn poŝtmarkojn) por afrankkosto. Ne mendu amase!
Propagandu Esperanton, ne hezitu kaj

skribu al adreso: Jiří Pištora, náměstí Míru 1746, 560 02 Česká Třebová, Ĉeĥoslovakio.

### HISPANIO

DON QUIJOTE SURVOJE.
La tutmonde fama klasikaĵo hispana "Don Quijote de la Mancha" jam estas kompostata kaj aperos en la genia Esperanta traduko de Fernande de Diego, proksimume en junio ĉijara en formato 17,5 x 25, ilustrita, "Milskin"-bindita kun 672 paĝoj kaj ĝia proksimuma prezo estos 1.500 pesetoj por ĉiu ekzemplero. Por antaŭmendoj, kun samtempaj antaŭpagoj, ricevitaj ĝis la 30-a de majo. la dirita prezo reduktiĝas al 1.000 pesetoj.
Mendojn kun pagoj oni sendu al Inés Gastón, P$^{O}$ Marina Moreno, 35, 4$^{O}$ dcha. ZARAGOZA-1 Hispanio.

## FERVOJISTA KORESPONDA SERVO

KORESPONDADO. – Medicina Esperanto Klubo "Kórhàz" (Hungario) 12 membroj, ĉiuj aĝoj, deziras korespondi pri ĉiuj temoj.

Tjumena Esperanto Klubo "REVO" (Siberio), 20 membroj ĉiuj aĝoj, deziras korespondi pri ĉiuj temoj.

Tallinnaj Lernejoj (Estonio), 24 gejunuloj 13 ĝis 19-jaraj, deziras korespondi pri muziko, teatro, kino, filmo, literaturo, manlaboro, modo, desegnaĵo, popolarto, filatelo, sporto, skiado, lingvoj, historio, radio, junulara agado, entomologio, biologio, ornitologio, naturprotekto, modelflugaparatoj, ktp. Peras: **Fervoja Koresponda Servo,** 76 rue Bataille, 69008 LYON - Francio.



*La Festiniog fervojo.*

## NEKROLOGOJ

### FRANCIO

Ni estas ĵus informitaj ke du malnovaj kaj fidelaj membroj,

**André MAHY** kaj

**Christian POULAIN**

forlasis nin por ĉiam.
André MAHY estis membro de la Epernay-a grupo; li lernis Esperanton ĉirkaŭ 1947 kaj rapide iĝis lerta esperantisto. Antaŭ 2 jaroj, li akceptis la partoprenintojn al la ĝenerala kunveno de FFEA.

Christian POULAIN eklernis Esperanton en 1947 dum Cseh-kurso gvidita de f-ino Lemonnier; post malmulta tempo, li fariĝis korektanto kaj helpis al la perkoresponda kurso. Samtempe, li iĝis prezidanto de la Paris St. Lazare-grupo. Senlaca verkisto kaj propagandisto, li interesiĝis pri ĉio kio montriĝis utila por la movado.

Al la familioj de niaj amikoj, ni esprimas sincerajn kondolencojn.

### GERMANIO

Ni perdis longjaran fidelan membron

**Franz MÜLLER, Rosenheim.**

Li mortis la 6an de novembro 1976. S-ro Müller jam estis membro de IFEF kaj GEFA ek de la refondiĝo. Ĉiam li estis fervora Esperantisto kaj interesiĝis ĝis la lasta momento je nia afero. Li ripozu en paco. Al la familio ni esprimas sinceran kondolencon.

### JUGOSLAVIO

La 31an de januaro 1977 mortis en Rijeka

**D-ro Ante GROPUZZO**

en aĝo de 81 jaroj.

D-ro Gropuzzo estis membro de LKK de nia 9-a IFEF-kongreso en Rijeka, majo 1957.
Kredeble multaj el la partoprenintoj de tiu brila kongreso havas ankoraŭ nun – post 20 jaroj – agrablajn memorojn pri la kongreso kaj pri la simpatia mortinto kiu dum pluraj jaroj konservis la kontakton kun la tiama IFEF-estraro.
Ni sincere kondolencas lian edzinon kaj la parencojn.

J.

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



**La redaktofino por la venonta IF estas 5.6.1977.**

Grafika kaj teknika prizorgo: *Grafika Studio Nevan,* Rotterdam.